# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 29/12/2012 Naŭdek unua Eldono 2012 29/12/2012 SENDITA

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.





# FELIĈAN NOVJARON

**Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado**

**Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

# NOVAĴOJ





## ALKLAKU la hiperligilojn



**AŭSKULTU, LEGU ESPERANTAN RETRADION TAGE** Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton
http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## 3ZZZ

En Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a ptm je 92.3 FM



De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je 3zzz.com.au aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au. Aŭdeblas la voĉo de Alan Bishop, Karl Egger, Laszlo Farkas, Franciska Toubale kaj de multaj intervjuitoj
Kontaktu 3zzzesperanto@gmail.com

## *Fabeloj Ilustritaj*

Bremenaj Muzikistoj

http://www.kunlaboro.pro.br/esperanto/fabeloj/



## jingle bells en Esperanto

http://www.youtube.com/watch?v=Mk1bUIV4iEw trovis Nicole








# Sydney Language Festival 2013

La NSK federacio havas agadplanojn por venonta jaro. Ni organizos lingvan festivalon en majo en la Internacia domo de la universitato de Sidnejo. Kaj mi jam komencis krei la retejon por tiu evento, vidu
http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/



Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu estas bona kont-libro?

# AEA Informas

**2012-12-27 AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon en 2012 (20/12/2012) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee Margaret kaj Sandor.
La ĉefa diskutero estis la

*__Melburna Kongreso__*

La programo daŭre evoluas kaj ni vere ŝatus ke ĉiu partoprenanto kontribuu ion.
Speciale, kiel trakti la ĉefan ideon de la kongreso: bonfarta kongreso
Se vi volas/povas/ŝatas kontribui, ne hezitu kaj kontaktu nin.
Vi povas vidi la provizoran programon en alia parto de AE-91

***Novjara mesaĝo.***

Ni kunmetis novjaran mesaĝon por la AEA membroj. Esperebl e, vi povas legi ĝin baldaŭ aŭ pere de rekta mesaĝo aŭ ĉi tie en AE.

* Ni konsentas subteni la proponon de Michael Holland okazigi eseo-kunkurson pri la estonteco de AEA.
Pli da detaloj en alia parto de AE
Ni daŭrigas la serĉadon por

* **Du novaj kunlaborantoj en la estraro**

Interesa laboro. Interesaj kolegoj. Interesa lingvo. Pensu pri ĝi kaj alparolu/sciigi nin.

Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor

Rilate al la komento de Max en AE 90 (Respondo al du novaj estraranoj)
Neniu proponis maldungi iun ajn direktoron aŭ prezidanton. Laŭ ni ne estas tre utile havi "direktorojn" kiuj tute ne aperas kaj ne komunikas.
Ni simple volas havi homojn kiuj kunlaboras kaj partoprenas nian agadon. Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor

**Michael Holland (Adelajdo), subtenata de la estraro**

**La estonteco de Esperanto en Aŭstralio**

## Tricentvorta eseo konkurso

Konkurso por la ordinaraj esperantistoj en ĉi tiu lando

Ĉi tiu konkurso estas por la ordinaraj esperantistoj en Aŭstralio. Ĝi estas por vi.

La lertegaj, spertegaj esperantistoj, kiel Trevor Steele aŭ Marcel Leereveld ne rajtas partopreni. Ĉi tiu konkurso estas por vi.

Esperanto en Aŭstralio havas novan estraron. La nova estraro volas pensojn kaj ideojn de ĉiuj esperantistoj, ne nur de la grandaj kaj gravaj personoj.

La premio estas trijara membreco kaj la plej bonaj ideoj estos senditaj al ĉiuj esperantistoj en Aŭstralio.

Bonvolu konkursi. Ni bezonas viajn pensojn kaj ideojn.

Limdato: **31-a de marto 2013**

Bv sendi ĝin al la du juĝistoj **Trevor** kaj **Marcel**

**Juĝistoj:** Trevor Steele (trevor.steele99@gmail.com)
Marcel Leereveld (mleereveld@yahoo.com.au)

Plej amike,
Michael Holland

# KLUBNOVAĴO





Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj (Griza signifas ke ne estas nova informo)



## Central Coast Esperanto Club

kunvenis Sab 2ptm 8a dec 2012 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

Ni nun havas Facebook paĝon kaj ankaŭ, ni estas ĉe
www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Kay Anderson



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



## ADELAJDA ESPEREJO

State Library, North Tce, ADELAIDE

Max Wearing <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3375



## La Melburna Esperanto Klubo

Kiel kutime, la Melburna Esperanto Klubo renkontiĝis ĉe Ross House je 6.30 ptm lunde. Heather



**Esperanto Kafo Klubo de Kanbero** kunsidas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



**La Manlia Esperanto-Klubo** Ĉiuj bonvenaj.

Unu taso da senpaga kafo Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Manlio kunvenos la 5an de Januaro



## Esperanto-Domo Sidnejo

BBQ lastaj dimanĉoj de la monato (krom decembro)
Ĉiuj bonvenaj



## Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

La Torkio grupo konsistas de lokaj loĝantoj kaj vizitantoj de Melburno.
Ni celas esti amikaj kaj agrablaj, kaj plibonigi nian esperantan kapablon.
Ni babilas pri kaj per esperanto - kaj ni trinkas kafon!
**tel 03 5261 2899 M 0421043272**
https://sites.google.com/site/torquayesperantoweb/

## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? . rspring@tpg.com.au



## Kia estis via Zamenhofa tago?

Kiom aŭ kiuj venis? Informu la Esperantan familion
Ĉu vi fotis bone? Sendu la plej bonan al ni.

# Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Helpu nian familon koni unu la alian. Skribu



Forgesu bovaĵon aŭ eĉ lakton. Se vi serĉas daŭrigeblan kaj grandan fonton de proteino, "mealworms" povas esti la solvo de la problemo

Komparu unu kilogramon de manĝebla proteino en viando de bovoj, kokoj aŭ porkoj kun produktado de la sama kvanto de mealworm proteino. La rezulto estas malpli da malbonaj gasoj kaj ĝi postulas multe malpli da tero por kreski.

# LETEROJ mallongaj de la legantoj



## Malpli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena



Sincerajn gratulojn al Trevor kaj Franciska, al Eunice, al Marcel kaj Alida, kaj nepre ankaŭ al Ian McArthur!
Feliĉan Kristnaskon kaj Ĉion Bonan en la Nova Jaro al Roger kaj ĉiuj legantoj de AE. Vera

# LETEROJ IOM LONGAJ



## Pli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Karaj,
Plejparte dank'al la kroatdevena John Matasin la NSK Esperanto Federacio posedas domon. Pasintjare mi retrovis parencon de li: Damir Matasin kiu tiam loĝis proksime de Sidnejo. Josip Pleadin el Kroatio deziris verki artikolon pri famaj kroataj esperantistoj kaj tial deziris havi pli da informoj pri John Matasin kiu estis tre grava esperantisto en Sidnejo dum multaj jaroj. Hodiaŭ mi ricevis tiun mesaĝon de Josip:



Kara Nicole,
Mi forgesis al vi skribi kian surprizon mi havis la 17-an de decembro.
Kiam ni malmuntadis la bildkartan ekspozicion organizitan en la Popola biblioteko de Bjelovar, alvenis iu homo, kiu demandis ĉu ni estas esperantistoj. Ni respondis pozitive,

kaj mi kelkfoje rigardis la homon, kiu observis min atenteme. Ŝajnis al mi konata vizaĝo, sed mi ne povis trovi ĝin en mia memoro. Tiam la homo demandis ĉu mi estas Josip Pleadin. Kiam mi respondis pozitive, li prezentis sin. Li estis nia komuna amiko Damir Matasin, kiu ekloĝis en Bjelovar! Ekde nun li estos membro de Bjelovara Esperantista Societo.
Mi peras liajn salutojn al vi!
Bondezirojn pro Kristnasko kaj nova jaro, restas amike Josip

Mi kunsendas la pasintjaran foton de Damir Matasin kaj mi. Amike, Nicole

**Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio.**
**Helpu nian familanojn koni unu la alian. Skribu**

# Melburna Kongreso: 17/01 – 21/01/2013

**Provizora** programo. Ne estas tro malfrue por aldoni vian prezentadon/kontribuon kaj por aliĝi.

| | |
|---|---|
| **Jaŭdo, 17-01-2013** | |
| 14:00 – 20:00 | Registrado |
| 18:30 – 22:00 | Komuna vespermanĝo & Interkona vespero |
| **Vendredo, 18-01-2013** | |
| 07:30 - 08:30 | Matenmanĝo |
| 09:00 - 12:30 | Esperanto Kurso (Trevor Steele) |
| 09:00 - 17:00 | Ordigo de la AEA arĥivoj (Katja Steele, Huigh Malcolm, Barrie Cledsmith, Terry Manly) |
| 09:00 - 10:30 | Kongresa temo: Bonvola Kongreso. Kiel rekrei pozitivan etoson en AEA |
| 10:30 – 11:00 | Kafopaŭzo |
| 11:00 - 12:30 | La estonteco de AEA. Bonvulu kontribui viajn ideojn, revojn kaj pensojn |
| 12:30 - 13:30 | Tagmanĝo |
| 13:30 – 15:00 | La valoro de niaj arĥivoj (Katja Steele, Barrie Cledsmith, Huigh Malcolm) |
| 15:00 – 15:30 | Kafopaŭzo |
| 15:30 – 17:00 | Kartludo/Miaj libroj (Trevor Steele) |
| 17:30 - 18:00 | Raporto de la arĥivistoj |
| 18:15 - 19:00 | Vespermanĝo |
| 19:00 - 22:00 | Kvizo (Susan & Trevor Holton) |
| | Debato (Daniel Kane) |
| | Kultur-bingo (Nicole Else) |

**Sabato, 19-01–2013**

| | |
|---|---|
| 07:30 - 08:30 | Matenmanĝo |
| 09:00 - 12:30 | Esperanto Kurso (Trevor Steele) |
| 09:00 - 17:00 | Ordigo de la AEA arĥivoj (Katja Steele, Huigh Malcolm, Barrie Cledsmith, Terry Manly) |
| 09:00 - 09:45 | Hazel Green prezentas edukado.net kaj aliajn pozitivaĵojn en Esperantujo |
| 09:45 – 10:30 | Mondeto. Helpu enkonduki Esperanton en niaj lernejoj. (Penny Vos) |
| 10:30 – 11:00 | Kafopaŭzo |
| 11:00 - 12:30 | Individuaj prezentadoj IndranI Identeco, Pat: Mia libro, … |
| 12:30 - 13:30 | Tagmanĝo |
| 13:30 – 18:00 | Ekskurso |
| 18:30 - 22:00 | Bankedo (Honorigoj, Aŭkcio, Pozitivaĵoj) |

**Dimanĉo, 20-01–2013**

| | |
|---|---|
| 07:30 - 08:30 | Matenmanĝo |
| 09:00 - 12:30 | Esperanto Kurso (Trevor Steele) |
| 09:00 - 17:00 | Ordigo de la AEA arĥivoj (Katja Steele, Huigh Malcolm, Barrie Cledsmith, Terry Manly) |
| 09:00 – 09:45 | Ekiĝo, kresko, kaj celoj de la novaĵletero (Roger Springer) |
| 09:45 - 10:30 | La simia reĝo (Daniel Kane) |
| 10:30 – 11:00 | Kafopaŭzo |
| 11:00 - 12:30 | Nia nova retejo (Jim Radford) |
| 12:30 - 13:30 | Tagmanĝo |
| 13:30 – 15:00 | Dezertaj grundoj(Arid Lands) en Aŭstralio (Helen Palmer) |
| 15:00 – 15:30 | Kafopaŭzo |
| 15:30 – 16:00 | Miaj Filmoj (Nicole Else) |
| 16:00 – 17:00 | Film Festivaloj/Konkursoj (Rainer Kurz) |
| 17:30 - 18:00 | Raporto de la arĥivistoj |
| 18:30 - 22:00 | Aŭdiaŭa vespero – Prezentadoj de diversaj grupoj/homoj |

**Lundo, 20-01–2013**

| | |
|---|---|
| 07:30 - 08:30 | Matenmanĝo |



Forvojaĝo

